21a Jaro - No 7 (221) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Julio 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Poŝtĉeko: No 1337.67 (Wilrijck) Por anoncoj: H. PÉTIAU, Gento

## La Kongreso mortis. Vivu la Kongreso !

# De Bruĝo al La Louvière

Prapatroj, geavoj, gepatroj, gefiloj, genepoj sekvas unu post alia kaj ĉies individua espero estas, ke tiu, kiu sekvos lin en la vivo, havu ekziston pli komfortan, pli agrablan, pli belan. Tio ja estas ĉies Espero ; tio faras la ĉarmon de la vivo.

Kaj kiam ni, Esperantistoj, ĉiujare, iras al Kongreso, nia Espero ankaŭ estas, ke, ĉe ĉiu ŝtupo pli antaŭen en la serio de tiuj Kongresoj, tiuj ĉi iĝu pli komfortaj, pli agrablaj, pli belaj.



Bruĝo, la Mortinta, kiel nomis ĝin la poetoj, montris al ni, ke se, historie, tio povas esti vere taŭga nomo, — kaj eĉ tio estas nur parte ekzakta, — tiu nomo tamen ne taŭgas por la vigla grupo, kiu prenis sur sin la tutan efektivigon de la plej belaj festotagoj, kiujn ni jam de longe plu ĉeestis.

En Bruĝo la Mortinta okazis la plej vivoplena Kongreso.

La detalojn pri ĉio, kio tie okazis en tiuj malmultaj horoj de plej intima, familia kunesto, la leganto trovos en la sekvantaj paĝoj de tiu ĉi numero de nia revuo.

Unu detalon en ĝi ni tamen substreku, kiel neniam viditan en nia historio tridekjara. La entuziasmo de la kongresanoj estis tia, ke, tuj, jam dum festeno, trideko decidis ne nur per promeso, sed ankaŭ per pago, montri ke ili volis per rapida aliĝo faciligi la taskon de tiuj, kiuj akceptis preni sur siajn ŝultrojn, la pezan heredajon, kiu estas vere la klopodo organizi novan kongreson, — la 25an, t.e. nova arĝenta jubileo —, kiu devos kontentigi tiun esperon ĉiaman de la Esperantistaro al pliboniĝo.

Kaj la amikoj el La Louvière ĉiuokaze volas klopodi. Ili estas novuloj en nia rondo. La organizantoj ne disponas pri grupo tiel malnova, kiel la Bruĝa, sed la entuziasmo de neofitoj ofte kapablas realigi miraklojn.

Kaj pri tiu entuziasmo ni ne dubas, post kiam ni ĉiuj havis la okazon ekkoni la gvidantojn, kiuj cetere jam tuj komencis la preparan laboron.

La nova distingo, kiun donis al nia Ligo nia Honora Prezidanto, la Reĝo Leopoldo ; la ĉiam pli kaj pli vigla subteno, kiun ni renkontas ĉe la aŭtoritatuloj, kiuj nin akceptas, estos por ili grava apogilo, en ilia laboro.

Ni havu fidon en la estonto kaj ni ĉiuj kune rediru :

La Kongreso mortis. Vivu la Kongreso !

Maur. JAUMOTTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

### LA SABATA POSTTAGMEZO.

La organiza komitato promesis al ni, ke NENIO mankos ; ĝi nur demandis ke ankaŭ NENIU manku. Nu, la esperantistoj, eksterlandaj same kiel belgaj, favore respondis al tiu deziro kaj la nombro de aliĝintoj superis ducent.

Ankaŭ la vetero klopodis kontentigi nin, ĉar, se dum la tuta antaŭ-kongresa semajno pluvis kaj ventis, la du kongrestagojn, Sabaton kaj Dimanĉon, ni ĝuis ĉiujn favorojn de la suno kaj varmo.

Kaj tiel nia alveno en la urbo estis plej gaja ; iĝis ankoraŭ pli gaja, kiam ĉiuloke ni vidis, ĉe fasadoj de komercaj kaj privataj domoj, multnombrajn Esperanto-flagojn ; kiam trans grava strato almetita banderolo diris al ni bonvenon ; kiam kontraŭ la akceptejo beleta montrofenestro de la librejo de nia samideano Resler, altiris nian atenton per ĉiuspecaj Esperantaĵoj, disponigitaj de « Belga Esperanto-Instituto ».

Jam en la komenco de la posttagmezo la akceptejo malfermiĝis, kaj ni trovis tie diversajn bruĝajn amikojn, kiuj kunestis por plej afable bonvenigi kaj informigi la konstante alvenantajn kongresanojn.

En la bruĝa ŝtatlernejo okazis ekzameno pri profesora kapableco, ĉe kiu deĵoris kiel juĝantoj F-ino Obozinski, S-roj Cogen, Jaumotte kaj Vandevelde.

En mallonga laborkunsido, dum kiu diversaj deziresprimoj, voĉdonotaj la sekvontan tagon, estis proponataj, oni sciigis al la kongresanoj la plej dezirindajn informojn. F-ino Thooris afable dankis la jam alvenintajn gekongresontojn kaj nin tuj trafis bela gesto flanke de la Bruĝa Grupo : ĉe la muroj pendis la portretoj de nia honora prezidanto, L. R. M. Leopoldo la IIIa kaj de niaj tri prezidintoj S-roj Van der Biest-Andelhof, A. J. Witteryck kaj Frans Schoofs.

Dum tiu kunsido, oni decidis sendi telegramon al S-ro Dervaux, kiu kun S-roj Baels, provincestro kaj Van Hoestenberghe, urbestro, akceptis la honoran prezidantecon de la kongreso, kaj kiu ne povis ĉeesti ĝin pro malsano.

Krom tio, la Prezidanto atentigis dum tiu kunsido: pri « Belga Esperanto-Instituto », kaj dankis S-rojn Boffejon kaj Jaumotte, ĉeestantajn administrantojn; pri la Marista Ligo Esperantista — (tiuj kiuj akceptus iĝi delegito de ĝi, informu la Ligan Sekretarion) —, pri demando de Germana Ligo Esp., esperantigi kiel eble plej la partoprenontojn de la Olimpiado ; pri la propagandiloj de la Brusela Ekspozicio, kaj tie ĉi la prezidanto dankis speciale S-rojn Baudet kaj Lavisse.

Je la 21a, ĉiuj grupe iris al la Belfrido kaj sidiĝis ĉe la terasoj de du kafejoj elpendigintaj la esperanto-flagon, por ĝui la sonorilarludon de esperantaj arioj, de S-ro sonorilaristo Toon Nauwelaerts, kiu speciale ludis la al ni plej bone konatajn ariojn, inter kiuj diversaj de S-ro H. Moy Thomas, kaj finis per « La Espero » kaj la belga nacia himno.

Tiam niaj pensoj jam iris al

**la interkonatiĝa vespero**

en «Monpalaco», kiu tiucele estis belege ornamita per centoj da verdaj flagetoj.

## XXV-a Belga Esperanto-Kongreso

**La Louvière 30-31 Majo-1 Junio 1936.**

*I-a INFORMBULTENO :*

La samideanoj el La Louvière, kiuj ĉeestis la Bruĝan kongreson havis la grandan plezuron reiri hejmen kun la enskriboj de jam multaj aliĝintoj al la Kongreso de proksima jaro.

Tuj ili interrilatis kun aliaj lokaj samideanoj kaj jam Kongreskomitato estis starigata, kiu klopodos organizi novan plian feston, kiu havos indan lokon en la jubileanta serio de la Belgaj Kongresoj.

Se efektive, en 1935, Belga Ligo Esperantista mem jubileis, en 1936, estos la arĝenta jubileo de la Kongresoj.

La nomoj de la kongreskomitatanoj estos presataj en la proksima numero de nia revuo.

La organizantoj, de nun, faras alvokon al la belga esperantistaro, por ke la aliĝoj venu rapide kaj multnombraj. Ili petas la grupajn estrarojn starigi specialajn ŝparkasojn por la kongresontoj. La aliĝoj povas esti jam pagataj (15 frankoj) je la P.Ĉ.K. N-ro 111910, « Belga Kongreso de Esperanto », La Louvière.

La XXIVa bonege sukcesis. La XXVa nepre ankaŭ devas esti triumfo !

Jen la unua listo de la partoprenontoj :

1 F-ino Yvonne Thooris, Bruĝo.
2. S-ro P Kempeneers, Bruselo.
3 S-ino P. Kempeneers, Bruselo.
4 S-ro L. Cogen, Ninove.
5 S-ino J. Cogen-Van Rysselberghe, Ninove.
6 S-ino V-ino Frans Schoofs-Van den Putte, Antverpeno
7 S-ro L. Schoofs, Antverpeno.
8 S-ro Henri Petiau, Gento.
9 S-ino Henri Petiau, Gento.
10 F-ino Juliette Nachtergaele, Gento.
11 S-ro M. Bolsius, Antverpeno.
12 S-ino M. Bolsius, Antverpeno.
13 S-ro Robert Groverman, Gentbruĝo.
14 S-ino Angèle Gruslet, Gento.
15 F-ino Marguerite Claeyssens, Gento.
16 S-ino Staes, Bruselo.
17 S-ro Petro Hart, Bruselo.
18 S-ino Petro Hart, Bruselo.
19 S-ro Maurice Jaumotte, Antverpeno.
20 S-ino Maurice Jaumotte, Antverpeno.
21 S-ro Castel, Bruselo.
22 S-ino Castel, Bruselo.
23 F-ino Yolande Hubrecht, Bruĝo
24 S-ro Jules Alofs, Bruselo.
25 S-ro Hector Boffejon, Antverpeno.
26 S-ino Hector Boffejon, Antverpeno.
27 S-ro Aug. Faes, Antverpeno.
28 F-ino Lucette Faes, Antverpeno.

Post tre aplaŭditaj kantoj de F-ino A. Boereboom, ni aŭdis laŭvice S-rojn Alofs kaj Moy Thomas, kiu feliĉe ne estis forgesinta sian gitaron. Je iu momento, la angla karavano, sub gvidado de S-ro Fred. E. Wadham, alvenis kaj la vespero finiĝis en intimaj kunesto kaj dancado. Ĉe la fino, F-ino A. Boereboom donacis florgarbon al F-ino Thooris, nome de la tri restantaj gelernintoj el ŝia unua kurso.

### DIMANĈMATENE.

Je la 9-a okazis katolika diservo en la Baziliko de la Sankta Sango, kun prediko en Esperanto de pastro De Meyer, kiu en plej bela formo alparoladis la ĉeestantojn. La valorega Sankta Relikvo estis tiam ankaŭ elmontrata.

Kune oni iris tiam al la urbodomo, kie la urbestro bonvolis akcepti la kongreson.

### En la Urbdomo.

F-ino Thooris, flandralingve, prezentis la kongresanojn al la urbestro, S-ro Victor Van Hoestenberghe, kiu bedaŭras ne scipovi nian lingvon. Tio ne malhelpis, ke li uzis kelkajn Esp-.-vortojn « parolado », « paroladeto » kaj « prezidantino ». Li volis tutkore esprimi sian simpation al nia afero. Flandra-, franc- kaj anglalingve, li deziris al la kongresanaro bonan sukceson.

Li pruvis sian komprenon de nia idealo per la fakto, ke li bonvolis iĝi honora prezidanto de la kongreso ; li dankis la esperantistojn, kiuj elektis Bruĝon, kiel kongreslokon kaj promesis fari la neceson, por ke estonte Bruĝaj turismaj presaĵoj estu ankaŭ eldonotaj esperantlingve.

S-ro D-ro Kempeneers dankis flandralingve la urbestron pro la honoro, kiun li faras al nia landa movado, persone nin akceptante.

En bona paroladeto li pruvas, ke Bruĝo ja fakte estas la lulilo de Esperanto en Belgujo. Estis en Bruĝo, ke en 1902a stariĝis la unua belga esperanto-Grupo, kies fondinto S-ro A. J. Witteryck ankaŭ poste iĝis la prezidanto de Belga Ligo Esperantista ; estis ankaŭ Bruĝo, kiu trifoje estis la loko de nacia kongreso, nome en 1910a, 1924a, kaj 1935a. La prezidanto finis, dankante la urbestron pro la promeso pri turismaj eldonaĵoj kaj profitis la okazon, por substreki kion jam aliaj urboj, landoj kaj privataj firmoj faris sur tiu kampo.

La urbestro prezentigis al si ankoraŭ la estraranojn kaj momenton ĉiuj amike interbabilis.

### Pliaj ceremonioj.

Tiam tuta sekvantaro, kun la flago de la Bruĝa Grupo antaŭe, iris al la monumento de la bruĝaj militmortintoj, kie, post momenta halto antaŭ la muro kun la nomoj de la mortintoj, floroj estis demetataj en la kripto ; multaj membroj ankaŭ subskribis la oran libron.

Post tiu malgranda ceremonio, la tuta anaro rapidis al la Provinca Palaco, kie la provincestro, S-ro H. Baels, private akceptis la estraron de B.L.E., la membrojn de la L.K.K. kaj diversajn aliajn eminentulojn esperantistajn ; ĉio tio laŭ kutima tradicia maniero.

Li promesis sian apogon por akceptigi reprezentanton esperantistan en la « Comiteit voor Toerisme » (Komitato por Turismo) de Bruĝo. Li speciale deziris paroli kun alilandaj samideanoj. Ĉe la fotografado, kiu okazis antaŭ la Provinca Palaco li ankaŭ troviĝis inter la kongresanoj.

### LA JARKUNVENO DE B. L. E.

okazis, tuj poste en la salonego de la kinematografejo « Oud Brugge-Vieux Bruges ».

Ĝin malfermis S-ro D-ro Kempeneers, prezidanto, ĉirkaŭata de F-ino Thooris, vicprezidantino, S-ro L. Cogen, vicprezidanto, S-ro H. Petiau, ĝenerala sekretario, S-ro M. Jaumotte, liga kasisto, kaj S-ro M. De Ketelaere, ĉefdelegito de UEA.

La prezidanto rememorigis la okazintaĵojn de l' pasinta jaro ; okazintaĵojn kiuj foje estis ĝojigaj kiel ekzemple la fakto, ke la Reĝo bonvolas resti, Honora Prezidanto de B.L.E., sed bedaŭrinde, pli ofte, estis malĝojigaj : la mortoj sinsekvaj de nia Reĝo Alberto, de niaj prezidintoj S-roj F. Schoofs kaj A. J. Witteryck. Je la rea elvokado de la laboro farita de tiuj du neforgeseblaj samideanoj, la tuta ĉeestantaro ekstaris momenton. En tiu ĉi honorigo la Prezidanto ankaŭ menciis la morton de la bedaŭrata gvidanto Kapitano Van Wanseele (Aalst)

Poste salutis la kongreson, anoj de Nederlando, Rumanujo, Germanujo, Britujo kaj Hungarujo.

S-ro Kempeneers legis diversajn telegramojn, kiuj atestas pri la granda interesiĝo de aliaj societoj kaj de diversaj samideanoj, kiuj bedaŭras ne povi ĉeesti la kongreson.

Poste la prezidanto havis tre ĝojigan komunikon : *Plaĉis al L. R. M. Leopoldo la III-a nomi B. L. E. « reĝa societo ».*

Li ankaŭ legis sekvantan telegramon, senditan al la Reĝo *(aplaŭdoj)*.

« La membroj de la 24-a belga Esperanto-Kongreso prezentas al sia Honora Prezidanto siajn sincerajn sentojn de lojaleco kaj fideleco ! » (*)

Nun la parolvico transdoniĝis al S-ro H. Petiau, kiu prezentis sian raporton. Li rapide skizis la belgan movadon, okaze de ĝia jubileo, antaŭvidas bonajn tempojn kaj, gratulante ilin, dankis S-rojn Boffejon (butiko), De Ketelaere (U.E.A.), kaj Jaumotte (Gazeto). El tiu valorplena raporto, kiu finis per « Vivu Esperanto » *(varmaj aplaŭdoj)* ni en proksima numero ĉerpos pliajn detalojn.

S-ro Maur. Jaumotte, per sia konata, aŭdebla voĉo tute mallonge skizis la financajn aferojn. Li ne volis forigi la ĝojon de l' kongreso, tedante nin per ciferoj ; sekve kontentiĝis (!) proponante monkolekton. Tiu bonega ideo alportis al la kaso proksimume 1200 fr. (ĉe la sciigo de tiu sumo, varmegaj aplaŭdoj aŭdiĝis).

S-ro De Ketelaere ankoraŭ faris malgrandan alvokon por ke ĉiuj membroj de Belga Ligo iĝu mem-

(*) La Ŝtatsekretario de la Domo de la Reĝo respondis al tiu telegramo jene :

*« Tre tuŝita per via lojalecesprimo, la Reĝo donis al mi la taskon sendi al vi kaj al ĉiuj, kies reprezentanto vi estis, liajn plej sincerajn dankesprimojn. »*

broj-abonantoj de U.E.A. por tiamaniere plej efike subteni la movadon.

Fine S-ro D-ro Kempeneers kore gratulis nome de la tuta ligestraro, la novajn profesorojn, sukcesintajn en la ekzameno : el Antverpeno : S-rojn Hector Boffejon kaj Henri Sielens, kaj el Bruselo: S-ron Jul. Alofs. Sub la aplaŭdado de la ĉeestantaro la trio akceptis siajn diplomojn kaj S-ro Boffejon kore dankis nome de siaj « kolegoj » kaj de si mem.

Tiam oni voĉdonis la du sekvantajn rezoluciojn, kiuj estis unuanime aprobataj :

*« La 24-a Belga Esperanto-Kongreso esprimas la deziron, ke la Ministro de la Publika Instruado bonvolu ekzameni la eblecon enkonduki Esperanton en la lernejojn, komencante per la normalaj. »*

*« La 24-a Belga Esperanto-Kongreso atentigas la belgajn urbojn pri la servoj faritaj de Esperanto al la turisma propagando de multaj fremdaj urboj kaj landoj, kaj instigas ilin uzi ankaŭ Esperanton por sia propagando. »*

Post lasta alvoko de S-ro Kempeneers por la 27a Universala Kongreso en Romo, li fermis la kunsidon.

S-ro Maurice Jaumotte ekstaris kaj aplaŭdigis la nomon de la prezidanto.

Tuj la tuta amaso direktiĝis al la hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or » kie estis okazonta

## LA FESTENO,

kiu estis modele aranĝita kaj unuanime plaĉis. Tuj regis inter la gekongresanoj la plej hejmeca kaj gaja atmosfero. Multaj ja volis kunporti ne nur la idean rememoron sed ankaŭ materialan memoraĵon de tiu gaja festo, kaj la manĝokartoj vagadis...

Ĉe la honortablo, kiu estis bele garnita per girlandoj kaj floroj ni vidis, en la mezo, S-ro Kempeneers, ĉirkaŭata, dekstre, de S-ino Schoofs, S-ro Petiau, F-ino Jennen, Pastro De Meyer, S-ino Boedt-Thooris, kaj, maldekstre, de F-ino Thooris, S-ro Cogen, S-ino Kempeneers, S-ro Jaumotte, F-ino Obozinski, S-ro Advokato Thooris kaj S-ino Cogen.

S-ro Kempeneers komencis la serion de la toastoj per tiu al nia Reĝa Familio, li legis ankaŭ la diversajn ankoraŭ alvenintajn telegramojn, inter kiuj, tiujn de S-ino V-ino Witteryck ; S-ino Segers-Witteryck kaj Ges-oj Vermandere.

S-ro Groothaert toastis al la sinjorinoj kaj S-ino Brancamp respondis.

Nun S-ro De Ketelaere alparolis la nebelgajn ĉeestantojn ; li bonvenigis kaj dankis ilin ; li nur bedaŭris, ke ni ne povas vojaĝi eksterlanden pro la fakto, ke nia « franko » iĝis « franketo » tamen li esperas, ke iam ĝi iĝos « frankego » kaj tiam estos ni, kiuj partoprenos alilandajn kongresojn. Plej sprite respondis la kolego de S-ro De Ketelaere, S-ro Fred. E. Wadham, ĉefdelegito de U.E.A. en Londono ; li klopodis nin konsoli per la aserto, ke se ni ne povas vojaĝi eksterlanden, la eksterlandanoj des pli multe vojaĝos Belgujon !

Tiam ni aŭdis la promeson de S-ro Tassin, kiu jam denun eklaboras, por ke *la proksima kongreso, kiu okazos en La Louvière*, iĝu vera sukceso.

S-ro Jaumotte nun publike dankis esperant-, flandra- kaj franclingve la jurnalistojn, kiuj la pasintan jaron helpis al la antaŭenpuŝo kaj diskonigo de nia movado ; ĉeestanta ĵurnalisto S-ro Roman dankis.

Por fini la vicon S-ro Van der Biest, prezidanto de la Brusela Grupo, toastis al la L.K.K.

Post kiam F-ino Thooris estis dankinta, S-ro Ch. Poupeye proponis belan horloĝon al la bruĝa prezidantino, kiu ankaŭ ricevis, de ĉarma fraŭlineto, belan florkorbeton.

Tiel la bankedo finiĝis en plej familia atmosfero.

## La UEA-kunsido.

Post la festeno okazis speciala kunsido de la membroj de U.E.A., iniciatita de S-ro De Ketelaere, ĉefdelegito, kaj sub prezidanteco de F-ino Thooris. Pri ĝi ni raportos en sekvanta numero.

Dume delegacio de la kongreso, gvidata de S-ro Jaumotte iris al la enterigejo, por viziti la tombon de S-ro A. J. Witteryck, kiu estis ornamita per floroj.

* * *

Ĉiuj festantoj denove renkontiĝis vespere, post promenado, por ĝui en la « Monpalaco », la plej grandan okazaĵon de la Kongreso, kaj partopreni al

## LA DIMANĈA VESPERFESTO.

Bele aranĝita programo, multon promesis ; ĝi tamen ne promesis tro, ĉar ĉiuj punktoj estis plej zorge prezentataj.

Post « La Espero », kiun ĉiuj plenkore kunkantis, la Bruĝa teatra sekcio ludis teatraĵeton de S-ino Lucette Faes : « Nubetoj ».

Jen la roldivido :

| | |
|---|---|
| EVA, organizantino de la Kongreso | *F-ino Yv. Thooris* |
| ANDREO BONVEN | *S-ro Jef Decoster* |
| ANJO | *F-ino Y. Hubrecht* |
| F-ino Kunegonda KRAMP, anglino | *F-ino C. Leibbrand* |
| Idelfonso Angil del TORERO, hispano | *S-ro G. Dotselaere.* |
| S-ro TEODORE, Kongresano | *S-ro Fr. de Bel* |
| ANĜELA (kongresaninoj) | *F-ino C. Volckaert* |
| HILDA (kongresaninoj) | *S-ino A. Stroobandt-Victoor.* |
| KLOTILDO (kongresaninoj) | *F-ino S. De Kersgieter.* |
| KELNERO | *S-ro Vital Jéhansart* |

SUFLORINOJ : *S-ino J. Groothaert-van Sevenant* kaj *F-ino A. Boereboom.* — REĜISORO : *S-ro Charles Poupeye.*

Ĉiuj bonege ludis, kaj meritas specialajn menciojn. Longa aplaŭdo rekompencis ilin pro la belega reprezentado.

Oni oferdonis multajn florgarbojn al la ĉefaktorinoj kaj al la aŭtorino de la komedieto.

Nun estis la vico de la juna fraŭlineto Monique De Vooght, kiu prezentis du artajn dancojn (la dancon je l'balono kaj la valson de la floroj) kaj faris monkolekton por la bruĝa kaso.

La grandioza balo, kiu sekvis ; la bonega orkestro ; la belega lancista kvadrilo, sub gvidado de S-ro De Vooght ; la « Kanto de Bonveno » de S-ro

H. Moy Thomas ; la tombolo, por kiu la membroj de « Bruĝa Grupo » estis donacintaj multajn premiojn ; la surprizaj kotiljonoj, kaj la « Saluto al la Flago » estis unikaj, kaj ĉiuj miris, ĉe la ekvido, ke estis jam la 3a h. matene.

Oni rapide enlitiĝis por des pli frue ellitiĝi, ĉar jam je la 9a ni devis forveturi

**LUNDE**

aŭtoĉare por

**la Ekskurso al Ostendo kaj Knocke.**

Kvar aŭtobusoj kondukis nin unue al la Termopalaco, kiun ni vizitis. S-ro Kempeneers tie ricevis esperante redaktitan telegramon de S-ro Gunzburg, kiu sin senkulpigis ne povi akompani nin en la termopalaco. S-ro Everaerts, direktoro, bonvolis doni ĉiujn klarigojn, kiujn S-ro Jaumotte tuj tradukis esperanten. Tiaj vivo kaj uzo de nia lingvo estis vera revelacio por la direktoro, kiu promesis fari ĉion eblan, por ke, estonte, ankaŭ tiu institucio reklamu en Esperanto.

Rea veturado al Knocke-Zoute kaj la mardigo. Tie ni havis la ŝanĉon, ke la pluvo kiu estis falinta matene, kiam ni forveturis el Bruĝo, cedis la vicon al la Suno...

Sekvis duhora promenado laŭlonge de la mardigo, dum kiu multaj jam pensis pri siaj proksimaj libertempoj ĉe la marbordo kaj deziris ensalti tuj la maron. Baldaŭ nin atendis en la belega hotelo « Majestic »,

**la festa Tagmanĝo.**

Tiu ĉi tagmanĝo aspektis vere « bankeda ». Post la bona manĝo S-ro Alofs, same kiel S-ro Moy Thomas, kantis. Ĉe la deserto, S-ro Vander Biest ekstaris, kaj invitis nin toasti al la Ligestraro, al S-ro Kempeneers, F-ino Thooris, S-roj Cogen, Petiau kaj Jaumotte. D-ro Kempeneers certigis ke, se vere li sukcesis fari iom da interesa laboro por Esperanto, por la Movado, por nia Ligo, li ŝuldas grandan dankon al siaj gekunlaborantoj, F-ino Thooris, S-roj Cogen, Petiau kaj Jaumotte *(varmaj aplaŭdoj)*.

Por fini, S-ro Vander Biest invitis nin, ĉeesti la Esperanto-tagon, kiun oni organizos la 14an de Julio, en la Brusela Ekspozicio.

Post kelkaj promenadetoj en Knocke-Zoute, la gekongresanoj reiris aŭtobuse al Bruĝo por de tie forveturi vagonare, ĉiu al sia urbo aŭ urbeto.

Tiun detalan raportadon, ni volas konkludi refoje dankante kaj gratulante la tutan Bruĝan Grupon pro la farita laboro, laboro pri kiu ĝi rajtas fieri. Tiu ĉi kongreso estis modelo, el kiu ni povos multon ĉerpi por niaj sekvontaj.

Denove plenigitaj de « esperantobalzamo » ni povas jam pensi al nia sekvanta granda festo en La Louvière ! Henri SIELENS.

* * *

**En la numero de Aŭgusto ni ankaŭ repriparolos kelkajn detalojn de la Kongreso, kiujn ni ne povis pritrakti en la nuna.**

Nun sekvas ĉi apude la 11-a Informbulteno de la Bruĝa L.K.K. :

*Dankesprimo :* La Loka Kongresa Komitato de la XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso, atingante la finon de siaj laboroj kaj ĝojante pro la akirita sukceso, konsideras kiel sian devon esprimi plej sincerajn dankojn al la tuta kongresanaro, kies granda nombro permesis al la L.K.K. plenan realigon de ĝia programo.

Al ĉiuj do, koran dankon... kaj ĝis la XXVa en La Louvière !

*Fotografaĵoj :* Samideanoj, kiuj deziras ankoraŭ ekzemplerojn de la oficiala fotografaĵo de la kongreso, estas petataj *mendi senpere* al S-ro Arth. Fr. Brusselle, Steenstraat, 41, rue des Pierres, Bruĝo Poŝtĉekkonto: N-ro 29280 : Formato 10 × 15: Fr. 3; 13 × 8: Fr. 4 ; 18 × 25: Fr. 7,50.

*Programoj de la Vesperfesto :* estas haveblaj senpage: Wijnzakstraat, 4, rue de l'Outre, Bruĝo.

*Sepa listo de kongresanoj (korektaĵo) :*

En la sepa listo de kongresanoj, aperinta en la Junia numero de B.E. enŝoviĝis preseraro kaj preterlaso de du nomoj ; oni do bonvolu korekti jene:

106 F-ino Volckaert Cécile, Bruĝo.
107 F-ino Verhelst Irène, Varsenare.
108 F-ino Verhelst Cécile, Varsenare.

*Oka listo de Kongresanoj :*

172 S-ro Grunge Willy, Bramschen, Germanujo.
173 S-ino Cristiaens Marie, Bruĝo.
174 S-ro Roose Julien, Bruĝo.
175 S-ino Roose, Bruĝo.
176 S-ro Goodliff F. A., Horsham, Anglujo.
177 S-ro Wadham Fred, Epsom, Anglujo.
178 S-ino Wadham Violet, id.
179 S-ro Travis G. N., id.
180 S-ro Bingham C. H., London.
181 F-ino Brookfield Adeline, id.
182 F-ino Edwards M., id.
183 F-ino Bailey E., id.
184 F-ino Pinnacle N., id.
185 S-ino Feaver F., id.
186 F-ino Smith, Barrow.
187 S-ino Ongley H.M., London.
188 S-ro Seomans S.E., Barrow.
189 S-ro Bean C., Southsea.
190 S-ro De Maeyer J., Nivelles.
191 S-ro de Waard M., Rotterdam.
192 F-ino v. d. Heuvel, idem.
193 S-ro de Vrieze J. D., Drachten.
194 S-ro Balenghien Maurice, Bachy, Norda Francujo.
195 S-ro Szabad, Rumanujo.
196 S-ro Turner J. H., London.
197 S-ro Timmerman J., Gento.
198 F-ino Van Hoe Irma, Nieuwpoort.
199 S-ro Heinkens Richard, Bruĝo.
200 S-ro Thomas Jaap, Hoogeveen, Nederlando.
201 S-ro Thomas Henk, idem.
202 S-ro Dozeman Klaas, idem.
203 S-ro Dotselaere Gustave, Bruĝo.
204 S-ro Delcloo Henri, Bruĝo.
205 S-ro Braet Carlos, Nieuwpoort.
206 S-ro Braet Marcel, idem.
207 S-ro Mailleu David, Esneux, Lieĝo.
208 S-ro Welvaert André, Bruĝo.

# BELGA KRONIKO

## ATENTU!

**Dum la monato de Julio nia Direktoro libertempos ĉe la marbordo. Oni sendu ĉiujn informojn por la numero de Aŭgusto de la revuo al lia nomo, Granda Hotelo de Oostduinkerke, Oostduinkerke ĉe Maro.**

**Ĉar la numero devas aperi je la fiksita dato kaj ĉar la perkoresponda aranĝo kun la presisto povas perdigi unu aŭ du tagojn, oni kiel eble plej frue sendu la informojn.**

## ESPERANTO-TAGO EN BRUSELO.

Brusela Grupo kore invitas ĉiujn samideanojn al la kunveno en la Ekspozicio, Dimanĉon, la 14-an de Julio. La partoprenontoj kunvenos en la Ekspozicio mem, en la restoracio CENTENAIRE (apud la tramstacio) je la dua posttagmeze, por tagmanĝi kune.

Poste okazos vizito de la Ekspozicio kaj de « MALNOVA BRUSELO ». Por tiu lasta vizito ni ĝuos rabaton (20 %).

Por la fervojo oni ne forgesu peti « Week-End » (25 %).

La prezo de l' tagmanĝo estas Fr. 17,50. Bonvolu ĝiri tiun sumon al poŝtĉekkonto 67.557 de S-ino Elly Staes, kasistino.

De la naŭa matene Bruselaj samideanoj atendos la vizitantojn en restoracio « CENTENAIRE » por doni ĉiujn klarigojn kaj gvidi ilin. La plej rapidaj vojoj estas:

1. DE LA NORDA STACIDOMO tramoj W aŭ W strekita.
2. DE LA SUDA STACIDOMO tramo 18.
3. DE LA STACIDOMO « QUARTIER LEOPOLD », tramo 16

La eksterlandaj samideanoj ricevos ĉiujn detalojn utilajn tuj post sia aliĝo.

Oni aliĝu kiel eble plej frue sed plej laste la 8an de Julio.

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 6-an de Julio: Esperanto-ludoj.

La 13-an: Legado de teatraĵeto.

La 14-an (Dimanĉon): Ekskurso al Bruselo (vidu supre).

La 20-an: Vespero en « Noordkasteel ».

La 27-an: Parolado de S-ro H. Sielens.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde je la 20-a, Kafejo « Vlissinghe ».

La 2-an de Julio: Kantvespero, sub gvidado de S-ino Gabrielle Poupeye kaj de F-ino A. Boereboom.

La 9-an: Legado kaj klarigado de Belga Esperantisto. Prezidos: S-ro Ch. Poupeye.

La 16-an: a) Konversacia Leciono. Prez. F-ino M. Vanden Berghe; b) Humoraĵoj. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

La 23-an: Esperanta kartludado, Prez. F-ino Y. Hubrecht.

La 30-an: Tradukado gvidlibro Bruĝo. Komparo de proponataj tekstoj. Prez. F-ino Y. Thooris.

N.-B. — En okazo de bela vetero, iuj el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭataj per vespera promenado.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo. 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 8-an de Julio: F-ino Obozinski prezidos.

La 15-an: S-ro Hart prezidos.

La 22-an: S-ro Castel prezidos.

La 29-an: D-ro Gorden prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: ĉiulunde, je 7-a horo: perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO: ĵaŭdon, 11-an de Julio, je 8-a horo, perfektiga kunveno en Hotel du Phare, place Maréchal Foch.

SCLESSIN: ĵaŭdon, 4-an de julio, je 7 h. 30, perfektiga kunveno en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 1-an de Junio, S-ro Faes bele parolis pri Bruĝo, dum S-ro Sielens aldonis klarigojn pri la rolo de Bruĝo en niaj ambaŭ literaturoj.

La 15-an, S-ro Jaumotte kaj S-ro Sielens rakontis pri la bele sukcesinta Kongreso. S-roj De Ketelaere kaj Faes aldonis kelkajn pliajn klarigojn.

La 22-an, S-ro Faes faris belan paroladon pri la ĉirkaŭaĵoj de Antverpeno.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 21-an de Majo okazis en « Muntpaleis » kantvespero gvidata de F-ino A. Boereboom kaj de S-ino Gabrielle Poupeye. Pluraj kantoj de nia angla samideano S-ro Moy Thomas estis lernataj.

La 28-an, la grupo ricevis en « Muntpaleis », la viziton de Ges-roj P. Kempeneers. Tiu ĉi vizito celis kelkajn aranĝojn pri la kongreso.

La 4-an de Junio okazis en « Muntpaleis » lasta kantvespero, kiel ripetado por la kongreso.

La 11-an, la grupo ricevis en kafejo « Vlissinghe », S-ron Moy Thomas, el Londono, kaj S-ro Grunge, el Bramsche (Germanujo). F-ino Thooris legis telegramon de S-ro Jaumotte, kun dankoj kaj gratuloj pri la bona sukceso de la XXIV-a. La prezidantino redankis ĉiujn kunhelpintojn kaj S-ro Groverman ree gratulis la prezidantinon kaj la tutan L.K.K. S-ro Poupeye direktis specialan dankon al S-ro Groverman, pro lia granda helpo al la kongresorganizintoj. F-ino Thooris sciigis pri la praktika rezulto de nia kongreso en Bruĝo: dum 1936, estos eldonata de la Urbestraro, en Esperanto-teksto, la oficiala gvidlibro pri Bruĝo. Ankaŭ turismaj propagandiloj pri la provinco kaj reklamiloj por la Termopalaco en Ostendo, estas antaŭvidataj.

La 18-an okazis — anstataŭ pro malbela vetero ne ebla promenado — gaja kunestado en kafejo « Vlissinghe ». S-ro Moy Thomas ĉeestis kaj kantis la plej belajn numerojn el sia repertuaro.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — (Lieĝo - Chênée - Sclessin). — La grupaj kunvenoj regule okazis kiel anoncite kaj estis ĉiufoje ĉeestataj de dekduo da samideanoj. La programoj de tiuj kunsidoj fariĝas pli kaj pli interesaj kaj allogaj.

La ekzameno en Jemeppe ankaŭ bone sukcesis; ĝiaj rezultatoj estos baldaŭ konigataj.

# LITERATURO

## PROKRASTO.

**Pro la abundeco de la teksto, ni nepre devas forŝovi al sekvanta numero la finon de la ekstrakto el « Notre Dame de Paris » de Victor Hugo, kaj diversajn rubrikojn regulajn.**

## La ruĝa Pa...

*(Originala Noveleto.)*

La profesoredzino eniris la laborĉambron de sia edzo :

— Karulo, mi havas ideon, bonan ideon. Jeanne diris ke ŝi iros al la karnavala maskobalo de la urba esperantogrupo; ankaŭ ni iru ; kion vi pensas? Mi tre ŝatus !

La profesoro ĝemetis ; li ja tre bone sciis ke « mi ŝatus » signifas « mi volas » kaj, kiel « bona » edzo li kiel ĉiam ankaŭ aprobis tiun « ŝaton ».

Sed nun pri la karnavalkostumo ! La edzino konsentis ke ŝia edzo simple surmetu sian frakon sed ŝi, ŝi volas havi kostumon, strangan, originalan karnavalkostumon, tiun de Mefistofelo !

Jam ĉe la nura penso pri tiu ideo, la profeosro hontas ; fi — Mefistofelo ! Ŝi portos sangoruĝan pantaloneton ! ho fi ! Sed ĉar ŝi « ŝatas »...

Se la dancado jam ne estis tre ĝojplena operacio por la profesoro, la konstato ke tri studentoj el sia klaso tie ankaŭ dancis, vere turmentis lin.

— Ho, mi estus povinta pripensi tion, — mi ja sciis ke tiuj stultuloj okupas sin pri Esperanto — sed nun mi vidas kial — ĉu ili ŝin vidus ? — Ĉu ili konus ŝin ? — Ha ! tiu abomena ruĝa pantaloneto !

Eĉ la bona vino ne sukcesis formeti la malagrablan senton de la profesoro.

La postan tagon dum la lekcio, ĉio ne ŝajnis bonorda, la tri « dancistoj » vigle interbabilis, kaj, post kiam la profesoro jam dufoje estis haltinta, unu rapide notis ion sur sia sorbopapero. Rapide la profesoro iris al la studento kaj tie, antaŭ liaj okuloj, dancis la literoj « kun ruĝa pa »...

Furioze li elirigis la tri amikojn, kaj post la fino de la lekcio li kunvokis ilin denove en la klason.

— Kion signifas tio ? Kion vi estus skribinta se mi ne estus interrompinta vin ? Kial vi skribis tion?

Ĉiuj tiuj demandoj fulmrapide venis al lia buŝo. La studentoj heziteme rigardis unu la alian kaj post ioma pripensado la skribinto ekparolis :

— Nu, Sinjoro Profesoro, mi hieraŭ vespere, hejmenirante, renkontis la fratinon de Viliano, kun studento el la 2a klaso ; li ne kredis min kaj demandis al mi kiel ŝi estis vestita, tial mi volis skribi :

« kun ruĝa pajloĉapelo ».

Atente, senspire, la profesoro estis aŭskultinta ; nun liaj trajtoj malstreĉiĝis, li preskaŭ volis ridi, sed li pripensis, kaj severmiene diris :

— Vi, tiun ĉi semajnon, ne plu venos en mian klason. Eksciu ke dum miaj lekcioj oni aŭskultas, aŭ oni forrestas.

Henri RAYMOND

# La Gazetaro parolas...

**Redaktas: H. A. R. S.**

— LA SUDA STELO. — La radio-administracio de Ljubljana-stacio plene konvinkiĝis pri la praktika uilo de dissendoj en Esp-o. Post la bonaj, 20 minutojn daŭrantaj, paroladoj pri diversaj temoj, la dissendstacio intencis disponigi al la esperanta lingvo TUTAN SEMAJNON.

De la 2a ĝis la 8a prelegis diversaj konataj samideanoj inter kiuj la vicurbestro de Ljubljana.

*Niaj membroj sendu gratulojn kaj dankon al: Radiosendstacio Ljubljana. Bleiweisova cesta. (Jugoslavujo.)*

— LABORISTA ESPERANTISTO. — La Federacio de laboristaj Esperantistoj en la regionoj nederlandlingvaj, havas membronombron, kiu preskaŭ iĝis 4000. Tio signifas, ke en unu jaro aliĝis 1000 novaj membroj. Ni certe povas uzi tiun fakton por la propagando : sed ankaŭ ni devas gratuli la estraranojn, dank' al kiuj tiu fakto efektiviĝis.

— L'ESPERANTO. — La organo de la Universala Kongreso sciigis ke, pro kaŭzoj neantaŭviditaj, la ŝipo « Leonardo da Vinci » ne estas disponebla por la kongresa krozado. Feliĉe, oni jam trovis novan ŝipon, eĉ pli belan kaj multe pli grandan. NE HEZITU, SED ALIĜU.

DER DEUTSCHE ESPERANTIST. — La katolikaj gazetoj « Sint Liduina klok », « de klok van Sint Jeroen », « De kleine Sint Theresiaklok », kiuj aperas en Hago, regule dediĉas parton al Esperanto.

— Dum la lastaj monatoj « Pola Radio » dissendis multajn paroladojn pri Polujo kaj ĝia kulturo. Sekve de tiuj prelegoj, la direkcio ricevis proksimume 2500 dankleterojn el 25 landoj inter kiuj eĉ Brazilio kaj Aŭstralio...

## ALIĜU AL LA KONGRESO DE ROMO!

La programo kiun ni presis antaŭ kelka tempo estas plej alloga. Do ne atendu se vi antaŭvidas la eblecon ĉeesti. Pagu tuj vian kotizon.

Memoru ke ankaŭ ne-esperantistoj povas ĝui la mirindan krozadon kaj la belajn ekskursojn. Turnu vin en la nomo de tiaj viaj amikoj al la L.K.K. en Romo.

* *

Estas oportune rimarkigi al neesp-istaj Institucioj kaj firmoj, ke la listoj de aliĝintoj al la XXVII-a estos diskonigataj tra la tuta mondo, per dekmiloj da ekzempleroj de esp-gazetoj, kaj pere de la « Kongresa Libro », tiel ke la aliĝo ne nur havas gravan moralan signifon, sed ankaŭ *atentindan reklaman valoron*. « Helpkongresanoj » ricevos la kongresan dokumentaron kaj « Kongresa'n Libro'n ».

*Peto:* por efika ekspozicio dum la 27-a la Organiza Komitato deziras ricevi ĉiajn aĵojn *en aŭ pri Esperanto.*

## ESPERANTO KAJ RADIO.

DIMANĈO, 7, 14, 21, 29 Julio 1935 :

9.00-9.15 : Marseille-Provence, 400 m. : Kurso, informoj, literaturo.

9.30-10.00 : Lille PTT Nord, 247 m. : Parolado.

15.00 : Radio Wallonia, 201 m. : S-ro Tassin.

22.40-23.10 : Huizen, 301 m. : Parolado ĉiun duan dimanĉon.

14 : P. M. Brouwer : Ni volas la pacon. — 28 : L. Poell en Gemert : La posedrajto.

LUNDO, 1, 8, 15, 22, 29 Julio 1935:
18.35-18.45: Roma, 421 m.; Milano, 368 m. kaj relajsoj: Informoj pri Italujo.
MARDO, 2, 9, 16, 23, 30, Julio 1935:
19.50-20.00: Tallinn, 410 m., Tartu: Informoj.
MERKREDO, 3, 10, 17, 24, 41 Julio 1935:
22.45-22.55: Wien, 507 m. kaj relajsoj: Parolado.
ĴAŬDO, 4, 11, 18, 25 Julio 1935:
17.40-18.00: Paris PTT, 432 m.: C. Rousseau: Kurso.
VENDREDO, 5, 12, 19, 26 Julio 1935:
18.35-18.45: Roma, 421 m., Milano, 368 m. kaj relajsoj: Informoj pri Italujo.
19.40-20.00: Nice Juan-les-Pins, 240 m.: G. Avril: Parolado.
22.00-22.15: Lisboa, 291 m.: S. Carreira: Paroladoj (ĉiun duan Vendredon: 12 kaj 26 Julio.)
SABATO, 6, 13, 20, 27 Julio 1935:
17.10-17.25: Huizen, 301 m.: P. Heilker: Informoj (ĉiun duan sabaton: 13 kaj 27 Julio).
19.10-19 30: Hliversum, 1875 m.: S-ro Degenkamp.
20.10-20.20: Lyon-la-Doua, 463 m.: Informoj (ĉiun duan sabaton)

## Gratuloj.

Ni, kun granda ĝojo, gratulas niajn membrojn S-ron JULES ALOFS el Bruselo, kaj S-rojn HECTOR BOFFEJON kaj HENRI SIELENS, ambaŭ el Antverpeno, kiuj sukcesis akiri la diplomon pri profesora kapableco.

**« Belga Esperanto-Instituto » vendas je la prezo de Fr. 5,— belan insigneton (verda steleto kun du oraj palmoj) en buton-, broŝ- aŭ pingloformo, kaj kiu estas akirebla nur de la diplomitaj profesoroj de la Reĝa Belga Ligo Esperantista.**



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.